XXIª jaro. Nº 299 (7) ☆ Monata ☆ Julio 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

## KONGRESA PROGRAMO.

### Vendredo, 31 Julio:

*Vespere 8.30:* Malfermo de la Somera Esperanto-Universitato. Alparoloj de la Rektoro kaj universitataj profesoroj. Prelego de S-ro Won Kenn pri la Penso de Konfucio. En la Ĝeneva Universitato.

* * *

### Sabato, 1 Aŭgusto:

*Matene 10:* Kursoj kaj Prelegoj en Ecole de Chimie.

*10.30:* Kunsido de C. K. ĉe UEA-oficejo 12 Bd. du Théâtre.

*Posttagmeze:* Vizito al la Ligo de Nacioj.

*Vespere 8.30:* Interkonatiĝa vespero en ĝardeno des Bastions.

* * *

### Dimanĉo, 2 Aŭgusto:

*Matene 9:* Diservo Katolika en Notre-Dame, prediko de pastro Carolfi. — *11.15:* Protestanta prediko de S-ino Margaret Blaise kaj Rud. Horner en Katedralo de St. Pierre. — Kunveno de framasonoj en rue Bovy-Lysberg.

*Posttagmeze 2.45:* Ĝardenfesto kaj Koncerto en Parko des Eaux-Vives. Kunsido de K. R.

*Vespere 8.15: Solena malfermo de la Kongreso en Victoria-Hall.*

* * *

### Lundo, 3 Aŭgusto:

*Matene 10:* Kursoj kaj prelegoj, Fakoj, Kunsido de UEA-Komitato ĉe la Oficejo.

*Posttagmeze 1.45: Ekskurso en vaporŝipo sur Lago Ĝeneva* (foiro el Jardin Anglais, apud Monument National).

*Nokte 9.15: Balo en naciaj kostumoj.* — La C. K. oficiale akceptos ĉiujn kongresanojn individue ĉe la eniro en la Palaco de l' Akceptejo (Bâtiment Electoral).

### Mardo, 4 Aŭgusto:

*Matene 10:* Kursoj, Prelegoj, Fakoj, Kunsido de K. R. kaj UEA kun C. K. en Palaco Eynard.

*Posttagmeze:* Promenado. Fakoj.

*Vespere 8.15: Ĝenerala Kunsido de la Kongreso.* Raportoj de la Akademio, C. K. kaj UEA, en Victoria-Hall.

* * *

### Merkredo, 5 Aŭgusto:

*Matene 10:* Kursoj, Prelegoj, Fakoj, Kunsido de la Lingva Komitato en Palaco Eynard.

*Posttagmeze:* Ekskursoj. Fakoj.

*Vespere 8.30: Teatra prezento de „Ginevra“*, lirika dramo originale verkita de D-ro Privat, en la Urba Granda Teatro (Place Neuve).

* * *

### Ĵaŭdo, 6 Aŭgusto:

*Matene 10:* Kursoj, Prelegoj, Fakoj, Kunsido de K. R. kaj UEA kun C. K. en la Palaco Eynard.

*Posttagmeze:* Promenado. Fakoj.

*Vespere 8.15: Solena memorfesto al D-ro Zamenhof en Victoria-Hall.*

* * *

### Vendredo: 7 Aŭgusto:

*Matene 10:* Eventuala fermа kunsido (se oni ne povis jam fermi ĵaŭde vespere) en Victoria-Hall.

### Malkara partopreno al Ĝeneva Kongreso.

**Responde al urĝa peto la Loka Komitato vendos ĝis la 20-a de Julio plej malfrue bluajn biletojn je 80 svisaj frankoj por kongreskotizo, balo, teatro, ŝipekskurso kaj kvintaga loĝado kaj manĝado en pensiono, de Dimanĉo, 2 Aŭg. ĝis Ĵaŭdo, 6 Aŭg. inkluzive.**

**☛ Akceptejo en Bâtiment Electoral, apud Place Neuve. ☚**



# EL NATURO KAJ SCIENCO



## Defendo de la moderna infano.

La infanoj estas floroj. Ili estas poemoj. Ili estas la majstroverkoj de Dio, la artisto. Preskaŭ ĉiuj infanoj havas ĉarmon. Kiam, aldone, ili estas belaj kaj bonaj, ili regas ĉie la homan koron.

Oni kelkafoje plendas pri la kulpoj kaj peketoj de la moderna infano. Sed la infano, ĉu de hodiaŭ, ĉu de antikvaj tempoj, fundamente restas la sama. Nur ŝanĝiĝis, pro multaj cirkonstancoj, la gepatroj; kiuj, nuntempe, ofte kun plej bonaj intencoj, fordonas sin al la plezuroj aŭ eksterdomaj devoj de la plenaĝula vivo, kaj lasas siajn plej grandajn trezorojn al la zorgado de aliaj, tiamaniere evitante la praktikon de tiu amo inter gepatroj kaj idoj, kiun, preskaŭ ĉiam, aliaj animaloj vidigas al la observanto.

Estas vere, ke la moderna infano ĝuas neordinarajn avantaĝojn. Ĝi ne plu estas malgranda sklavo laboranta en fabrikejo, en minejo, en kamentuboj, aŭ tutan tagon sur la kampoj. Ĝi ne plu devas studi de frumateno ĝis la nokto. Ĝi ne plu devas silenti dum la manĝoj, kaj eviti la ludojn kaj eĉ la rideton dimanĉe aŭ dum ĉeesto de vizitantaj. Ĝi ne plu estas ignorata. Kontraŭe, ĝi nun estas la temo kaj la kialo de multaj ŝtataj leĝoj. Ĝiaj studoj fariĝas ludoj. Estas malpermesate ĝin trolaborigi. Preskaŭ ĉie, ĝi estas dorlotata kaj publike aklamata.

Eble hodiaŭ la moderna infano en mezklasa familio kun bonaj gepatroj, kiuj ĝin gardas kaj edukas larĝanime kaj tute saĝe, la moderna infano, kiu, eĉ en lernejo, povas vestiĝi preskaŭ tiel malpeze kiel antikva greko, kaj instruiĝi pri muziko, ritma kaj nudpieda dancado, pri sun- kaj akvobaniĝoj, kaj ĉiu ebla sporto, estas pli feliĉa ol infano de iu alia epoko, pasinta aŭ eĉ estonta. Sed tamen, multaj infanoj *ne* estas feliĉaj kaj plendoj kontraŭ ili ofte aŭdiĝas. Kial?

Ĉu eble estas, ke la amo ne sufiĉe videbliĝas al ili?

La kvazaŭ perfekta patrino de hodiaŭ studas la psikologion de la infano, ŝi elektas modernan lernejon; reguligas la malgrandan vivon per moderne eltrovitaj (sed vere malnovaj) leĝoj pri la manĝo, dormo kaj ekzercado, kaj tiam ŝi kontentiĝas tro ofte, ke aliaj plenumu ŝiajn devojn je la karuletoj. Ho jes, ŝi scias, ke la infano bezonas amon, sed la modernaj instruistoj ĉiuj amas infanojn, kaj, cetere, ŝiaj propraj okupoj en la mondo estas tiel multaj, ke ŝi ne havas tempon ludi mem kun siaj idetoj. Vidante la rezultojn, ofte mi dubas, ĉu ŝi ne estas iom malpli sukcesa ol la malnov-moda patrino, kiu estis gvidata *nur de la komprenanta kaj ĉiam sindona amo*. Mi kredas, ke neniu manko en infana vivo egalas la mankon de praktike amanta patrino.

Oni plendas, ke infanoj estas nature kruelaj, sed laŭ mia longa kaj atenta observado la krueleco estas tute nenormala. La infana koro, gvidata de unuaj tagoj, estas plena de kompato al la floroj, al la bestoj, al la homoj.

Oni plendas pri ia speco de hodiaŭa „impertinenteco“, sed oni ne devas forgesi, ke nuntempe oni, tute prave, kuraĝigas la sinaserton kaj malkaŝiĝemon ĉe infanoj. Kaj certe nenio estas pli bela ol la „malfermita libro“ de la juna, arda, naiva koro de la homa ido.

Estas riproĉate, ke la infanoj estas nature malobeemaj, sed ankaŭ tio ne estas vera. La infano amas esti sendependa, sed ĝi ankaŭ atendas esti aŭtoritate gvidata. Kiam ordonoj ofte ne estas obeitaj, tiam ĝenerale oni trovas, ke la gepatroj mem estas sendisciplinaj, aŭ ke la ordonoj ne estas justaj.

Plue oni kulpigas, ke infanoj ne ŝatas labori. Sed mi mem ofte konstatis la malon. Se infanoj ne ŝatas labori, tio venas de la gepatroj, kiuj ne instruis, ke oni povas ami la laboron; ke en la laboro mem estas ludo, ĝojo, atingado kaj honoro.

La ĉefa infangvidanto devas ĉiam esti la patrino. Ŝi mem povas tute facile, havante bonvolon, instrui infanojn pri la korpo, naturo, menso kaj pri la koro; sed ĉefe, ŝi instruu la signifon de tri simplaj vortoj: *ami, doni* kaj *konstrui*.

Se la infano lernas ami ĉiun homon, beston kaj planton, laŭeble kaj laŭbonsence; tiam neniam ĝi povos almiliti aŭ vundi.

Se ĝi instruiĝas trovi plezuron en tero, maro, ĉielo, en suno, pluvo kaj vento, en ekzercado kaj laboro, neniam ĝi povos esti malfeliĉa aŭ izolema.

Kiam ĝi instruiĝis esti sendependa kaj sinfida, kiam ĝi scias konstrui kaj krei, neniam ĝi fariĝos la *detruema* speco de nihilisto.

Se de la unuaj semajnoj ĝi lernas la sinkontrolon, se oni instruas al ĝi la deziron donaci kaj nur parton preni je bongustaĵoj, kaj je la belaj kaj amuzaj ludiloj kaj libroj, se eventuale ĝi konscias pri la ĝojo doni siajn proprajn servojn al la proksimulo, tiam neniam ĝi povos fariĝi malpli ol tiu vera socialisto, kiu feliĉigas ĉiun, kun kiu li rilatas.

Se per agado, legado kaj fine per Esperanto mem, la infano lernos studi la karakteron de aliaj homoj kaj ĉiam pripensi la vidpunktojn de aliaj, tiam ĝi eventuale fariĝos tiu nuna malofta, justa, ĉion-komprenanta homo.

*Margaret L. Blaise.*

---

## Marrakeŝ.

Venante el la nova maroka urbo *Casablanca,* post kiam oni transpasis senhoman kaj senakvan, grizan kaj malgajan landon, oni ekvidas kelkajn palmojn, iom da akvo, poste olivarbojn, arbaron: tio estas Marrakeŝ. Tiu vidaĵo ripozigas la okulojn brulitajn de la varmega suno. Estas vespero: oni vidas ankoraŭ la blankajn montarojn; jam, lumetoj ruĝaj, flavaj, blankaj, verdaj ekbruliĝas, kaj oni pasas sub la freŝaj eŭkaliptoj...

Tiu granda urbo estas mirinda, pro la ĝardenoj, la arbaroj kiuj donas freŝon kaj vivon al tiu svarmanta popolo kies krioj kaj kantadoj leviĝas al la ĉielo. Estas kvietigistoj de serpentoj, ĉarlatanoj kiuj ridigas, kuracistaĉoj kiuj laŭdas siajn komercaĵaĉojn entenitajn en boteletoj, saketoj aŭ konservaĵaj ladujoj, ĉiam al la sama popolo kvazaŭ indiferente sidanta ĉirkaŭ ili. Alte staras en Marrakeŝ granda minareto el moskeo nomita Kutuloja; tiu turo estas unu el la plej belaj verkoj de l' marokana arto, ellaborita de la granda sultano Jakub el Mansur, samtempe kiel la Hassan-Turo de *Rabat* kaj la Giralda de *Sevilla.*

Alia moskeo ellaborita ankaŭ de la sama sultano estas la moskeo El Mansur kiu havas lian nomon. Sur la turo vidiĝas grandaj fendoj. La legendo diras, ke tiuj fendoj estas la rezultato de komploto de iaj malliberitaj kristanoj kiuj volis detrui la moskeon vendrede dum la granda preĝo de l' tagmezo. Ilia komploto malsukcesis: la mahometanoj konkludis ke Dio estis puninta la kristanojn, kaj de tiu malproksima tempo la moskeo ĉiam staras. Apud tiu moskeo troviĝas Tomboj de la Saadaj Sultanoj, kie estas mirindaj volboj skulptitaj, apogataj sur blankaj marmoraj kolonoj. Tie ripozas la Saadaj Sultanoj kiuj reĝis de 1550 ĝis 1660, kaj iliaj familioj.

Grandaj ĝardenoj kiel la Agdal kaj la Menara troviĝas en Marrakeŝ. Ili estas plantitaj je oranĝ- kaj oliv-arboj kaj enhavas grandajn basenojn.

Sed la plej mirinda estas vizito al la kvartalo de komercistoj kaj metiistoj. Jen strateto kovrita de kanoj kie estas ŝu-

istoj; oni marŝas, pasante, sur ledoj sternitaj sur la strato, en la kazematoj ili laboras vigle; poste, la komercistoj kaŭrantaj malantaŭ la kestoj kun teo, daktiloj, figoj. Aliaj fabrikas korbojn, kelkaj estas forĝistoj aŭ lignaĵistoj, ĉiuj kiuj havas saman metion estas arigitaj en sama strato aŭ kvartaleto. Oni ankaŭ fabrikas plugilojn, ŝloseblajn kestetojn. Poste, ni vidas vendistojn de „belari" (marokaj ŝuoj), vendistojn de diverskoloraj vestoj; pli malproksime la oraĵistoj, ili estas judoj; iliaj produktoj estas vere artaj. Sed la stratoj estas embarasataj pro amasiĝo da kamparanoj kaj montanoj kun siaj azenoj kaj kameloj, kies kapoj venas ĝis la kanaj volboj kiuj ŝirmas la straton kontraŭ la suno. Ĉiam oni aŭdas kriojn aŭ disputojn pro kelkaj moneretoj, inter judoj kaj mahometanoj; la gardkriojn: balek! balek! kiu signifas: redonas cian animon! Kiom figuroriĉa estas ilia lingvo!

Sed subiras la suno, kaj el ĉiuj mosketuroj oni aŭdas la alvokojn al preĝado!...

*Pierre Carrière*, Amizmiz, Maroko.

## Statistiko de Genève.

Ĝeneva kantono areas 282 kv. km., el kiuj 195 kampaj, 25 arbaraj, 9 vinberkulturaj. Ĝeneva lago (Lemano) estas plej granda el la svisaj, ĝi okupas 581 kv. km., profundas 310 m., kaj altas 375 m. super mara nivelo. La urbo mem staras inter 400 kaj 410 m. da alteco. Meza jara temperaturo de Ĝenevo estas 10°.4, sama kiel de Montreux. Plej varma monato estas julio kun 21°.7. En la 1920 Ĝeneva kantono havis 171 254 loĝantojn. La urbo mem havis en la 1923 nur 129 900 loĝantojn. Depost la 1918, kiam la urbo havis 140 000 loĝantojn, ĝi konstante malgrandiĝas laŭ la homnombro, pro ĝenerala ekonomia krizo en Eŭropo. En la 1920 en Ĝenevo vivis 60 605 viroj kaj 74 454 virinoj, el kiuj nur 27 000 geedzaj paroj, 66 984 gefraŭloj, 11 045 gevidvoj, 3047 eksgeedzoj. Laŭ religio la Ĝenevanoj estis 68 018 protestantoj, 57 744 katolikoj, 2815 izraelidoj, 1400 grekortodoksoj, 200 mahomedanoj, k. a. Laŭ la nacieco 40.000 Ĝenevanoj, 53.000 svisoj, 43.000 fremduloj: 23.000 francoj, 12.000 italoj, 3000 germanoj, 1400 rusoj, 850 britoj, 600 poloj, 500 amerikanoj, 400 belgoj, 300 nederlandanoj, 300 aŭstrianoj, 250 ĉeĥoj, 240 azianoj, 150 afrikanoj, 20 aŭstralianoj k. m. a. Ĉiujare naskiĝas en la urbo ĉirkaŭ 1500 kaj mortas 1600 gehomoj. Por tio ekzistas 290 kuracistoj, 88 akuŝistinoj, 84 dentistoj, 57 apotekoj. El infektaj malsanoj estas konataj nur la infanaj: morbilo, kokluŝo, skarlatino, varioleto, difterio, krupo. En la 1921 la kantono nombris 7174 gebovojn, 4415 porkojn, 3487 ŝafojn, 2916 ĉevalojn, 2648 kaprojn. Hidraŭlika forto de 23.000 ĉevalpovoj funkciis por industrio, kie estis 10 000 laboristoj. En 23 ŝparkasoj amasiĝis 114.000.000 sv. fr. En la kantono funkciis 6000 aŭtomobiloj, kamionoj, motorcikloj. 11.000 abonintoj uzis telefonon.

* * *

## Nomaro de grandaj nombroj.

Prof. G. Du Pasquier (Neuchâtel) en sia prelego farita al 47a konferenco de l'Association Française pour l'avancement des sciences (Bordeaux 1923), proponis jenan sistemon de franclingva nombronomado:

| | | |
|---|---|---|
| million | $= 10^{6}$ | = 1 000 000 |
| milliard | $= 10^{9}$ | = 1 000 000 000 |
| billion | $= 10^{12}$ | = 1 000 000 000 000 |
| billiard | $= 10^{15}$ | = 1 000 000 000 000 000 |
| trillion | $= 10^{18}$ | = 1 000 000 000 000 000 000 |
| trilliard | $= 10^{21}$ | = 1 000 000 000 000 000 000 000 |
| quadrillion | $= 10^{24}$ | = 1 000 000 000 000 000 000 000 000 |
| quadrilliard | $= 10^{27}$ | = 1 000 000 000 000 000 000 000 000 000 |
| millionard | $= 10^{60}$ | |
| bimillionard | $= 10^{120}$ | |
| trimillionard | $= 10^{240}$ | |

 LITERATURO 

## Dialogo inter homo kaj simio.

Jader Carvalho.

La simio: Mi estas la Simio.

La homo: Mi estas la Homo.

La simio: De tie ĉi, de tiu ĉi branĉo, mi ĉeestas ĉiujn viajn sensencaĵojn, kaj mi mokridas ilin. Ve al vi! mizera naiva homo!

La homo: Pesta simio! Kia kuraĝo la via! Ĉu vi ne vidas, ke mi estas la homo? Ĉu mi jam ne diris tion al vi? Mi ne mokridas vin, vian komikan sintenadon, vian voston, ĉar mi ne povas perdi la tempon mokante pri simioj. La idealo pri perfekteco allogas min! Kaj vi, kion vi faras, kiu permesas al vi mokridi la homon? Ĉu pro tio ke li ne suriras la arbojn rapide kiel vi, kaj ne havas voston por balanciĝi? Dum vi dormetas sur tiu branĉo, mi atingas la ĉielbluon, subiras la maran profundaĵon, esploras la terajn misterojn...

La simio: La vermoj amas la vivon subteran...

La homo: La elektro, la ĥemio, la astronomio igas min ĉiopova sur la tero. Estas mia regno la tero.

La simio: Inter viaj similuloj, unu, kiun mi konsideras freneza, kiu foruzis sian tutan vivon, sur paĝoj kaj paĝoj, por mezuri, analizi tutan ekziston — nian skeleton — konkludis, (ho malsaĝulo!) ke vi estas nia filo! Vi kiu estas tiel sovaĝa! Vi kiu diigas la intereson! Vi kiu kulturas la ambicion! Vi...

La homo: Darwin...

La simio: Mizera Darwin! Estis necese plialtigi la homan specon. Kaj li montris min kiel patron de la homaro. Egoista! Li deziris plialtigi sin mem!

La homo: Viaj paroloj impresigas min. Mi ne povas plu moki vin, kvankam mi deziras ridi. Kia bona nescieco la via! Mi diras la bona, ĉar mi ne volas diri malmodesta...

La simio: Nu? Ĉu vi supozas vin ĉio-pova sur la tero? Ĉu vi ĉion faras? Kial do, foje, — por ne diri ĉiam — mi vidas vin malĝoja? Ĉu tial ke vi ne estingas la animsuferojn, vi kiu sendolorigas la korpon? Kial vi mortas? Kial vi ne vivas eterne kiel la Dioj, kiujn vi senpripense kreis kaj disigas tra la libroj, temploj kaj mondoj? Kial vi ne fariĝas reganto de la psikaj fortoj — alia mondo misterplena kaj subtila, tiel multampleksa kiel la nia, kiun viaj okuloj vane penas enpenetri, kaj kien via scienco ne eniris, neniam eniros?

La homo: Ĉu vi scias kial vi ekzistas, simio?

La simio: Nur nun vi min komprenas, sensenca homo! Ne! Mi ne scias de kie mi venas kaj kien mi iras. Mi ne esploras, mi ne studas. Nesciante, kiel vi nomis min, mi elpensis tion kion via scienco, viaj teleskopoj, viaj mikroskopoj neniam sukcesis elpensi! Sen la helpo de kompendioj de historio, de psikologio; sen grandaj neutilaj metodoj, mi atingis — senkonscie, vi eble diros — la celon kiun vi neniam atingos! Meze de la arbaro; aŭdante la fontomurmurojn kaj la birdokantojn; apud la riveroj kaj lagoj spegulantaj min; surirante la kupolojn de ĉiuj arboj; la rigardo senpasia sub la sunbriloj; ne demandante; ne kalkulante; ne mezurante; mi trovis, ho mizera homo! la ŝlosilon de la feliĉo!!!

El la portugala tradukis
*Francisco Falcão*
Ceará (Brazil.)

## Somero.

K. de Kalocsay.

*Ĝis limoj de l' vido ondadas tritikoj*
*Jen flava mareg' sub ardanta sunbrilo...*
*Sub propra la ŝarĝo jam antaŭ falĉilo*
*La kapojn ekklinas humile la spikoj.*

*Virino benata, la Tero Patrino*
*Infanojn alvokas: do venu, ho homoj,*
*Kaj suĉu el sukoj kaj el la aromoj,*
*Infanoj avidaj, do venu al sino.*

*Kaj ili alvenas, kaj venas ne vane,*
*Kaj falas la beno abunde, sen fino*
*Patrino amanta ĝin ŝutas plenmane.*

*Sopir' min ekkaptas: per pia kapklino*
*L'adoron ekmontri kaj fali infane*
*Sur bruston benatan de l' Tero-Patrino.*

El „Mondo kaj Koro".

* * *

## Malsaneta ofte estas mia koro...

*Malsaneta ofte estas*
*Mia koro..*
*— Kormalsano! juĝatestas*
*La doktoro..*
*Sekvi devas mi konsilón*
*Malgraŭvole:*
*La dieton kaj trankvilon*
*Senpetole!..*
*Ribeleta tamen estas*
*Koro mia*
*Kaj junece ĝi protestas*
*Kontraŭ tio..*
*— Ne dieto, ne trankvilo —*
*Ne, doktoro!.*
*Mi malsanas pro — pikilo*
*De l'Amoro..*

Fez.

* * *

## La Ĝojo.

*Akompanas min la ĝojo*
*sur flugiloj de l' anĝelo,*
*Mia suno sur la vojo,*
*kiu brilas de l' ĉielo*
*tra la landoj, tra la mondo!*

*Velveturu tra ondnuboj*
*mia ŝipo al la helo!*
*En la nokto de la duboj*
*ĝojo estu via velo*
*tra la maro, tra ventegoj!*

*En la devo kaj laboro*
*staras mia belà stelo!*
*El konfliktoj de la koro*
*ĝojo gvidas al la celo*
*tra la vivo, tra la morto!*

F. J.

## Semantoj

*Ni eliras je matena horo,*
*Kiam brilas roze horizonto,*
*Plugi kampon, plugi por estonto,*
*Kio estas nia pen-laboro.*

*Ni eliras je matena horo*
*Kaj kun spin' klinita kampon ŝiras,*
*Sub piedoj ter' libere spiras*
*Kaj al ni ridetas la aŭroro.*

*Poste semas, semas ni senlace,*
*En la nigran teron semon ĵetas —*
*La ĉielon poste ni preĝpetas,*
*Ke la kampo nia kresku pace.*

*Kiam venos la rikoltmomento,*
*Novan semon havos ni en domo*
*Kaj atendos ĝis ripozos homo*
*Por kun freŝa ĝin eksemi sento.*

*Ni eliras je matena horo,*
*Kiam roze brilas horizonto,*
*Plugi kampon, plugi por estonto,*
*Kio estas nia pen-laboro.*

Stanislaw Braun.

---

## Novaj libroj.

**Kontraŭ Dio.** Ateista Krestomatieto. Sennacieca Asocio Tutmonda, Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 1925.
28 paĝoj, $14^1/_2 \times 22^1/_2$ cm. Prezo: 0,35 M.

**Batalantoj por la Homara Paco** de *D-ro Winfried Fricke.* La Batalanto-Eldonejo, Hannover, Germanlando. 1925.
24 paĝoj, $16 \times 23^1/_2$ cm. Prezo: 0,40 M.

**Vi sola, Esperanto, povas fari tiajn miraklojn!** Unuakta originala teatraĵo. *Arturo Ghez*
A. Paolet, eldonanto, S. Vito al Tagliamento. 1924.
40 paĝoj, $8^1/_2 \times 12$ cm. Prezo: 1,50 l.

**La Kemio de l' Universo** de Prof. *A. Fersman.* Biblioteko de Sennaciulo. Serio: Moderna Scienco. SAT. Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. 1925. El rusa lingvo tradukis S. Rublev.
79 paĝoj, $11 \times 15$ cm. Prezo: 1 sv. fr.

**Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado 1925.** 13ª jaro. Universala Esperanto-Asocio, Genève.
472 paĝoj, $11^1/_2 \times 16^1/_2$ cm. Senpaga por la anoj.

**Bahaj Instruoj.** (Sen nomo de la tradukinto kaj sen dato, loko, prezo).
16 paĝoj, $11 \times 15$ cm.

---

**Ne prokrastu ĝis morgaŭ**
**kion vi povas fari hodiaŭ**
**sendu al ni hodiaŭ**
**vian aliĝon!**




# KONGRESA BULTENO

de la XVII. Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo, 2-7 Aŭg. 1925

## Listo de Kongresanoj.

381. S-ro Grimmitt, Vincent, London, Anglujo.
382. S-ino Grimmitt, Sally, London, Anglujo.
383. S-ro D-ro Briquet, Maurice, Lille, Francujo.
384. F-ino Hüblowa, Franciszka Lwow, Polujo.
385. S-ro P. Carolfi, Modesto, Cortemaggiore, Italio.
386. S-ro Warden, John Mabon, Edinburgh, Skotlando.
387. F-ino Anderson, Elsie, Edinburgh, Skotl.
388. F-ino Anderson, Euphemia, Burntisland, Skotl.
389. F-ino Anderson, Sarah West, Blairgowrie, Skotl.
390. F-ino Baird, Jane, Edinburgh, Skotl.
391. F-ino Breck, Agnes, Edinburgh, Skotl.
392. F-ino Cochrane, Isabella, Dunfermline, Skotl.
393. S-ro Forbes, James Thoms, Dundee, Skotl.
394. S-ino Forbes Tryphena Sellars, Dundee, Skotl.
395. F-ino Gibson, Annie Sanderson, Edinburgh, Skotl.
396. S-ro Hunter, George Barron, Edinburgh, Skotl.
397. F-ino Inglis, Margaret, Kirkcaldy, Skotl.
398. S-ino Miller, Mary Seath, Edinburgh, Skotl.
399. F-ino Miller, Marjorie Seath, Edinburgh, Skotl.
400. F-ino Morrison, Annie, Glasgow, Skotl.
401. F-ino Muir, Mary O., Edinburgh, Skotl.
402. F-ino Wight, Annie Goldis, Edinburgh, Skotl.
403. F-ino Lanigan, Amy, Manchester, Anglujo.
404. F-ino Judd, Lilian, London, Angl.
405. F-ino Heiligenstein, Louise, London, Angl.
406. S-ro Holmes, John Thomas, Baildon, Angl.
407. S-ino Holmes, Mary, Baildon, Angl.
408. S-ro Steinhauer, Hans, Trautenau, Ĉeĥoslov.
409. S-ro Caumont, Armand, Basel, Svislando.
410. S-ro Dreiskemper, Alfons, Essen-Borbeck, Germ.
411. S-ro P. Läufer, Albert, Mainz, Germ.
412. F-ino Humbert, Nathalie, Neuchâtel, Svisl.
413. S-ro Michling, B., Altona, Germ.
414. F-ino Zimmermann, Anna, Frankenberg, Germ.
415. S-ro Funk, Heinrich, Fulda, Germ.
416. S-ro Elsner, Hans, Waldenburg-Altwasser, Germ.
417. S-ro Wolf, Jules, La Chaux-de-Fonds, Svisl.
418. S-ino Wolf, J., La Chaux-de-Fonds, Svisl.
419. S-ro Wolf, Charles, La Chaux-de-Fonds, Svisl.
420. S-ro Pirr, Heinz, Berlin-Lichtenberg, Germ.
421. S-ro Dreher, Leopold, Krakow, Polujo.
422. S-ro Goldfeder, Szyja, Hoszcza, Polujo
423. S-ino Wildish, Elizabeth. Eva, Hastings, Angl.
424. S-ino Gillett, Mary C., Banbury, Angl.
425. S-ro Gillett, J. Bernard, Banbury, Angl.
426. S-ro Kriss, Juliusz, Krakow, Polujo
427. S-ro Jackel, Herbert, Bodenbach, Ĉeĥoslov.
428. S-ro Göll, Karl, Bodenbach, Ĉeĥoslov.
429. S-ro Treude, Wilhelm, Köln, Germ.
430. S-ro Meyer, Wilhelm, Auerbach i. V., Germ
431. S-ro Freund, Siegmund, Breslau, Germ.
432. S-ino Freund, Lotte, Breslau, Germ.
433. F-ino Weinsberg, Regina, Krakow, Polujo.
434 S-ro Prof. Bujwid, Odo, Krakow, Polujo.
435. S-ro Deligny, Ernest, Saint-Omer, Francujo.
436. F-ino Deligny, M., Saint-Omer, Francujo.
437. S-ino Kozma, Nora, Budapest, Hungarujo.
438. F-ino Donat, Elisabeth, Stettin, Germ.
439. S-ro Bednar, Josef, Brno, Ĉeĥoslov.
440. S-ro Rae, William, Edinburgh, Skotl.
441. S-ro Stevens, Carel Max, den Haag, Nederlando.
442. S-ino Theodore, Mary, Llanfair, Angl.
443. S-ro Tredgold, Robert Ralph, London, Angl.
444. S-ro Kötz, Bernhard, Leipzig, Germ.
445. S-ino Kötz, Gertrud, Leipzig, Germ
446. S-ro Omlor, Ernst August, St. Ingbert, Saarteritorio.
447. S-ino Omlor, Maria, St. Ingbert, Saarteritorio.
448. F-ino Reymond, Marie, Lausanne, Svisl.
449. S-ro Ulaortua, Pedro, Deusto ap. Bilbao, Hisp.
450. S-ro Diaz, Alberto, Portugalete, Viscaya, Hisp.
451. S-ino Apostolowska, Aurelia, Varna, Bulgarujo.
452. S-ro Dreiskemper, Franz, Recklinghausen, Germ.
453. S-ro Gehrmann, Josef, Recklinghausen, Germ.
454. S-ro Gehrer, Edvino, Bregenz, Aŭstrio.
455. S-ro D-ro Kozma, Karlo, Budapest, Hungarl.
456. S-ro Ledineg, Friedrich, Leibnitz, Aŭstrio.
457. F-ino Taussig, Hermine, Praha-Vinohrady, Ĉeĥoslov.
458. F-ino Kennedy, Annie Mc Lean, Glasgow, Skotl.
459. S-ro Grunewald, Alfred, Seifhennersdorf, Germ.
460. F-ino Lapp, Augusta, Genève, Svisl.
461. S-ro D-ro Fulda, Robert, Berlin, Germ.
462. S-ro Friedrich, Karl, Freital-Döhlen, Germ.
463. S-ro D-ro Synek, August, Bielsko, Polujo.
464. S-ro Bienenstock, Samuel, Bielsko, Polujo.
465. S-ino Witz, Milly, Praha, Ĉeĥoslov.
466. S-ro D-ro Krenicki, Jozefo, Warszawa, Polujo.
467. F-ino Berry, Evelyn, Manchester, Angl.
468. F-ino Laade, Marie, Berlin-Südende, Germ.
469. F-ino Ludvikova, Marie, Praha-Karlin, Ĉeĥoslov.
470. S-ino Brückner, Helene, Glauchau i. S., Germ.
471. S-ino Hiecke, Ernestine, Glauchau i. S., Germ.
472. S-ro D-ro Döhler, Walter, Riesa, Germ.
473. S-ro Kröber, Karl, Riesa, Germ.
474. S-ro Bühring, Oskar, Leipzig-Reudnitz, Germ.
475. F-ino Löffler, Else, Stuttgart, Germ.
476. S-ro Strassert, Heinrich, Berlin-Steglitz, Germ.
477. S-ro Ŝapiro, Jakobo, Bialystok, Polujo.
478. S-ro Henkel, Hugo, Fulda, Germ.
479. S-ro Adrian, Conrad, Verl, Germ.
480. F-ino Adrian, Gertrud, Münster i. W., Germ.
481. F-ino Dovey Emily, Brighton, Angl.
482. S-ro Johannes, Albert, Düsseldorf, Germ.
483. S-ro Prescher, Felix, Lindau a. B., Germ.
484. S-ro Kesik, Herold, Bratislava, Ĉeĥoslov.
485. S-ro Köhler, Karl, Essen (Ruhr), Germ.
486. S-ro Pöll, Heinrich, Salzburg, Aŭstrio.
487. S-ino Steinsky, Höllrigl, Herta, Salzburg, Aŭstrio.
488. S-ro Wendler, Arthur, Lindau a. B., Germ.
489. S-ino Indra, Klaudija, Riga, Latvio.
490. F-ino Fassbind, Elisabeth, Berlin, Germ.
491. S-ro Engelmann, Alfred, Rosny-sous-Bois, Francujo.
492. S-ino Hardcastle, Flora, Shipley, Angl.
493. S-ro Hardcastle, William, Shipley, Angl.
494. S-ro Glöckner, Paul, Pirna a. E., Germ.
495. S-ro Richter, Rudolf, Pirna a. E., Germ.
496. S-ro Roschers, Johannes, Harthau, Germ.
497. S-ro Israelsen, Marius, Hillerid, Danujo.
498. S-ro Höhn, Gustav, Zürich, Svisl.
499. S-ro Karsch, Johannes, Lausa-Weixdorf, Germ.
500. S-ro Frischknecht, Jakob, Waldstatt, Svisl.

---

## Loĝado por ne-mendintoj de turistaj biletoj.

Al la samideanoj ne-mendintaj turisťan bileton de UEA la Loka Organiza Komitato dissendis la sekvantan cirkuleron:

*Tre estimata samideano,*

Ni komunikas al vi liston de hoteloj en Genève kun prezo de simpla ĉambro kun 1 lito por la nokto, sen matenmanĝo.

La matenmanĝo ĝenerale kostas en Genève 1.50—2.50 sv. fr. laŭ la hotelo.

Bonvolu elekti mem la hotelon, kiun vi preferas kaj sendi al ĝi la enmetitan leteron kun via mendo, aldonante la poŝtkarton, por ke vi ricevu konfirmon de la hotelo mem. Se vi ne ricevos ĝin bonvolu plendi al ni.

Por la adresaro de la kongresanoj ni petas, ke vi ankaŭ sendu al ni la alian verdan poŝtkarton, indikante la hotelon, kiun vi elektis.

Kun kora danko kaj bondeziroj al via vojaĝo ni salutas vin

*XVII. Universala Kongreso de Esperanto*
Loka Organiza Komitato.

* * *

**Hôtel de ................................................ Genève.**

*Monsieur le Directeur,*
*Sinjoro Direktoro,*

Veuillez me réserver ........ chambre á ........ lit au prix de
Bonvolu rezervi por mi ..... ĉambro(j)n kun ..... lito(j) por la prezo de
.......... frs. pour le ........................................ 1925.
.......... sv. fr. por la ........................................ 1925.

Je vous serais très obligé de bien vouloir ne répondre
Mi estos tre danka al vi, se vi bonvolus respondi al mi
le plutôt possible en employant la carte postale ci-jointe.
kiel plej eble baldaŭ, uzante la ĉi-kunan postkarton.

Le ........................................ 1925.
La ........................................ 1925.

* * *

## Listo de hoteloj.

| | sv. fr. |
|---|---|
| Hôtel des Bergues (unuagrada), apud la lago | de 10.00 |
| Beau-Rivage „ „ „ „ | de 9.00 |
| Touring-Balance | de 5.00 |
| Hôtel des Familles, apud la stacidomo | de 5.00 |
| Hôtel Genève et Brésil, apud la stacidomo | de 5.00 |
| International-Terminus, apud la stacidomo | de 5.00 |
| Victoria | de 5.00 |
| Bristol, apud la stacidomo | de 4.00 |
| Suisse, „ „ „ | de 4.00 |
| Hôtel des Alpes | de 3.50 |
| Hôtel de l'Europe | de 3.50 |
| Regina, apud la lago | de 5.00 |
| Strasbourg | de 3.50 |
| Nouvelle Poste, apud la stacidomo | de 3.00 |
| Bourgogne, „ „ „ | de 3.50 |

Neniu el tiuj hoteloj estas pli malproksime ol 10—15 minutoj de la kongresaj ejoj



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## La movado en Ruslando.

Post la muro, kiu apartigas nin de la rusaj esperantistoj, la movado disvolviĝas, aperas novaj libroj, lerniloj, gazetoj, estas fondataj grupoj kaj kursoj. Eĉ samideanoj, kiuj loĝas en tiuj landoj mem, ne havas la kompletajn informojn, pro la vasteco de la teritorio. Hodiaŭ ni prezentas la resumon, kiu donas proksimuman ideon pri la movado

En pli ol 150 urboj kaj en multaj vilaĝoj de U. S. S. R. funkcias grupoj kaj kursoj. En *Moskva* oni disradias Esperanto-kurson, kaj preparas fondon de Esperanta Teknika Instituto, oficiale permesita de la Regna Instrua Fako. Komence de aŭgusto okazos V-a Ruslanda Kongreso, la II-a Sovetlanda. La Centra Kontrolejo de la Regna Federacio oficiale adoptis Esperanton por la eksterlanda korespondado, kaj ĝi pagas honorarion al la aŭtoroj de l' verkoj kaj informoj, utilaj por la sistema studado pri la organizaj kaj ekonomiaj demandoj.

Vigla movado estas en la provincaj regionoj: Kaŭkazo, Krimeo, Siberio, Tatario, Turkestano, Uralio, Armenio, k. a.

La ĉefa gvidanto de l' movado, S-ro *Ernest Dresen*, publikigas grandan libron pri la Mondlingva Problemo, kiu estos por la ruslingvanoj la samo, kio estas por la franclingvanoj la „Histoire de la Langue Universelle" de Couturat kaj Leau.

En *Kiev* agas S-ro Devjatnin kun siaj kunlaborantoj. Dum lastaj jaroj tie okazis 100 paroladoj pri nia lingvo. En la Akademio raportis pri Esperanto S-ro Paniŝevski. Per speciala aranĝo estas malpermesitaj aliĝoj al UEA kaj la delegita servado. Oficiale havas monopolan rajton ekzisti nur Sov. Esp. Servo kun siaj filioj, en tuta Ruslando kaj U. S. S. R.

## Novaĵoj el Ameriko.

En *San Francisco*, California, fondiĝis nova grupo kun la parolanta klubo ĉe la oficejo de la delegito S-ro Brewster Ames, 690 Market Str., ĉambroj 309—10—11.

En *Milwaukee*, Wisconsin, la tiea Esperanto-Asocio nombras 100 anojn kaj kunvenas ĉiumonate en la Publika Biblioteko.

En *Rio de Janeiro*, Brazilio, estas inaŭgurita komerca kurso de nia lingvo ĉe la Asocio de Komercoficistoj. Dum la malfermo prezidis D-ro Miguel Calmon, ministro de la Terkulturo, Industrio kaj Komerco.

En *Santiago*, Chile, okazis kunveno de la nacia lingva subkomitato esperantista, dum kiu oni decidis restarigon de la Zamenhofa Klubo.

En *Cambridge*, U. S. A., la Bostona Esperantista Societo festis sian jarkunvenon kaj disradiis novaĵojn pri nia movado.

## Grandaj Naciaj Gazetoj uzas Esperanton.

Bele ilustrita finna revuo *„Otavainen"* en Helsinki havas regulan Esperanto-fakon kaj presigas la kurson de S-ro Vilho Setälä.

Granda japana ilustrita ĵurnalo *„Ŝin-Aiĉi"* en Nagoja enhavas ĉiam Esperantan Kronikon, kompreneblan por ni insulon inter la strangaj kaj komplikitaj ĉino-japanaj hieroglifoj.

Konata belpresita *„Illustrierte Rundschau"* en Wien dediĉis al nia movado sian numeron, verdkolore presitan, kun 32 fotoj pri nia movado.

Riĉbilda revuo *„El Heroldo Naturista"* en Mexico estas daŭre favora al nia lingvo.

Bonega faka revuo *„Experimental Wireless"* en London regule donas kurson de nia lingvo.

Grava industria revuo *„L' Index des Industries du Cuir"* enhavas la resumojn kaj enhavtabelojn en tri lingvoj: Franca, Angla, Esperanta.

Ni laŭhazarde elektis sep ekzemplojn el diversaj landoj kaj specoj de l' periodaĵoj, kiuj ŝatas nian lingvon, kaj kies kompleta listo estas tro longa por la eta spaco de nia gazeto.

*„La Revue Aéronautique de France"* (Majo — Junio 1925) presigas bonegan artikolon de S-ro Archdeacon kaj *L' Ere Nouvelle* ĵus finis ĉiutagan felietonan aperigon de lia traduko de l' romano „Ĉu li?" de D-ro Valienne, tre interesa nova maniero atentigi la publikon pri la valoro de nia lingvo.

## Esperantista Kongresa Dataro.

| | | |
|---|---|---|
| Julio | 9—12: | Bulgara XII-a Kongreso en Sofia. |
| Julio | 11—12: | Sveda Laborista Konferenco en Uddevalla. |
| Julio | 24—26: | Sportula Laborista Konferenco en Frankfurt a. M. |
| Julio | 25—27: | Rumana V-a Kongreso en Ploeŝti. |
| Julio | 31—7. VIII.: | Somera Universitato en Genève. |
| Aŭgusto | 1: | Antaŭkongreso en Bern. |
| Aŭgusto | 2—7: | Universala XVII-a Kongreso en Genève. |
| Aŭgusto | 5—10: | Ruslanda V-a Kongreso en Moskva. |
| Aŭgusto | 11—15: | Sennacia V-a Kongreso en Wien. |
| Aŭgusto | 13—16: | Katolika X-a Kongreso en Paris. |
| Septembro | 13—15: | Itala X-a Kongreso en Bari. |
| Oktobro | 16—18: | Japana XIII-a Kongreso en Kioto. |

## Kongreso de Liberpensuloj.

*Internacia Lingvo sur la tagordo.*

La XIXa Internacia Kongreso de Liberpensuloj sub aŭspicioj de la „Fédération Internationale des Sociétés de Libre Pensée" okazos 15—18 Aŭgusto en la *Hôtel des Societes Savantes, 28 Rue Serpente, Paris.* La Kongreso malfermiĝos la 15an, je 14.30. Dimanĉon 16a okazos diskuto pri internacia lingvo, kiam S-ro E. E. Yelland (London), en la nomo de la Internacia Ligo de Liberpensuloj, parolados pri Esperanto. Estas dezirinde, ke multaj samideanoj ĉeestu por subteni la paroladonton. Nia samideano Prof. Th. Hartwig, el Brünn, parolos pri „La Bavara Konkordato" la 17an de Aŭgusto. Kotizo 20 Frankoj. Petu detalojn de Dr. M. Terwagne, rue de l' Ecuyer, 25, Bruxelles, aŭ de S-ro E. E. Yelland, 3, Fonthill Road, Finsbury Park, London N. 4.

